




6/2006
Oktobro/Novembro




**Werner Bormann fariĝas 75-jara la 27an de Oktobro 2006. Hamburga Esperanto-Societo kore gratulas al sia honora membro kaj deziras ĉion bonan!**

| | |
|---|---|
| **Editoraĵoj**<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.* | **Karaj legantoj,**<br>la aliĝiloj por la Germana Esperanto- |

Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidanto: Jürgen Wulff

Redaktoro: Benno Klehr

Retpoŝto: Esperanto-Hamburg

Redaktofino de




n-ro 1/2007: 15-11-2006

**Sentenco**

Bona prelego elĝerpu la temon - ne la aŭskultantojn!

*Winston Churchill*

Kongreso 2007 en Hamburg estas pretaj. Tio signifas, ke jam estas farita granda laboro de la kunlaborantoj en LKK. Ni havas bonajn kondiĉojn por prepari tian grandan aranĝon en Hamburg ĉar ni havas sufiĉe multajn laboremajn membrojn. Kongresojn ofte preparas nur du aŭ tri organizantoj, ĉar mankas taŭgaj helpantoj. Tio tre ŝarĝas la laborantojn. Ni hamburganoj havas speciale bonajn kondiĉojn, ĉar ni povas ĉerpi el la granda sperto de Werner Bormann, kiu mem jam organizis plurajn kongresojn. Unu el tiuj spertoj estas, ke komuna tagmanĝo ŝparas tempon kaj donas bonan etoson. Do ni trifoje ricevos komunan tagmanĝon en la hotelo.
La ekskursoj ne nur estas turismaj, sed rilatas al la kongresa temo "kreskanta urbo": Vizito al la havena urbo kaj veturado per ŝipo al Finkenwerder. Ni ankaŭ ofertas tute nekutiman ekskurson: La urbo el vidpunkto de senhejmuloj. Certe estos novaj spertoj por multaj el ni.

*Benno Klehr*

**Nia programo**

| Oktobro | Novembro |
|---|---|
| 5 *Rudi Haberland*<br>**Nederlandanoj en Bordozo**<br><br>12 *Werner Bormann:*<br>**San Marino kaj AIS**<br><br>19 *Mariko Aoshima kaj Gerald Roemer*<br>**Vojaĝo tra Toskano**<br><br>26 *Pia Haasis:*<br>**La pentristino Frida Kahlo**<br><br>28 **Jubileo en Bremen**<br>**Interesitoj telefonu al al Gerald Roemer.** | 2 **Planado por Zamenhoffesto**<br><br>9 *Werner Bormann:*<br>**Miaj tempoj en GEJ**<br><br>16 *Jürgen Wulff:*<br>**Nuboj - nekonataj konatuloj**<br><br>23 **18.00 estrarkunsido**<br>*Hannelore Brunow:*<br>**Kantoj de Heine**<br><br>30 *Sylwia Pöhlmann:*<br>**Polaj kutimoj, "Sorĉa Vespero"**<br><br>9 **Decembro**<br>**Zamenhoffesto** |

**Neue Bankverbindung des Esperanto-Vereins Hamburg:**

GLS Gemeinschaftsbank eG
BLZ 430 609 67, Konto-Nr. [ne nomita en la retversio pro sekuraj kaŭzoj]

La estraro de HES decidis, ne plu ĉiumonate pagi administran kotizon al Postbank, sed iri alia banko, kiu ofertas senkostan konton. Bonvolu estonte ĝiri vian kotizon al tiu nova konto.

**Esperanto-stando en Festivalo de la Kulturoj**

Jam la kvaran fojon okazis de la 15a ĝis la 17a de Septembro de la "Festivalo de la Kulturoj" en Hamburg sur la universitata studkampo. Ĝi celas la interkonatiĝon de la kulturoj. Ĉi-jare ankaŭ partoprenis Hamburga Esperanto-Societo. Sur la informstando meze de aliaj informstandoj, scenejoj kaj standoj de artmetioj la hamburganoj informis pri la eblecoj de Esperanto. Dum suna malfrusomera vetero estis multaj interesaj konversacioj kaj ofte subteno de la vizitantoj por la celo de Esperanto. Helpis pli ol 10 homoj dum diversaj tempoj sur la stando. La foto montras kvar el ili: Kerstin Baasche,



Jürgen Wulff, Pia Haasis kaj Ralph Glomp. La temo de la ĉi-jara festivalo estis "respekto" kiel bazo por komuna kunvivado. Sur diversaj scenejoj artistoj el multaj landoj ludis, kantis kaj dancis. Dum la sabata posttagmezo granda karavano marŝis kaj dancis tra la urbo. Granda sukceso por paca kunvivado de la kulturoj kaj ankaŭ sukceso por nia informlaboro.

*Jürgen Wulff*

Ni funebras

La 14an de Aŭgusto 2006

## Hertha Kühnel

mortis en Berlin an aĝo de 89 jaroj.

La entombigo okazis la 28an de Aŭgusto en Hamburg. Hertha estis membro den H.E.S. ek den 1946. Eslbeth Wielgus alportis florbukedon nome de la klubo kaj kune kun Jürgen Wulff kaj Hannelore Brunow partoprenis en la sepulta ceremonio.

Re al Esperanto en Hamburg